# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

35a jaro Marto-aprilo 1983 N-ro 2

Internacia Jaro de Komunikado ... la pentrintoj - lernejanoj, kiuj rajtis dekoracii barilon ĉirkaŭ domkonstruejo - komunikas al la preterpasantoj siajn nostalgiajn revojn pri veraj trajnoj.

## REDAKTORA BABILO

En ĉi tiu numero vi trovas tagordojn de nia 35a kongreso, kaj se vi ankoraŭ ne aliĝis, faru tion por ne maltrafi la eventon.

Vi trovas ankaŭ relative multajn mallongajn informojn pri - tiel ni esperas - interesaj prifervojaj aferoj. La redakcio apelacias al tiuj, kiuj ekscios pri informoj internacie interesaj, ke vi plej eble rapide sciigu tiujn al la redakcio.

Se ni kune agos, ni posedas la eblecojn de ekstreme rapida informado, kio estas unu el la avantaĝoj de nia lingvo kaj de nia organizaĵo.

Sed - kiel aludite - ni bezonas la kunlaboron de la legantoj.

Eku!

red

## HELPU LKKn

## DE LA 35A IFEF-KONGRESO

*Aliĝilo*

Paĝo 1. Ne skribu en la kolono rezervita al LKK.

Paĝo 3. Bonvolu atente legi la ĝeneralajn instrukciojn, precipe la punkton 11. Malgraŭ tio, kelkaj IFEF-anoj sendas registritajn leterojn. Tio okazigas al LKK malfacilaĵojn kaj gravan tempoperdon.

*Pagoj*

Ĝiru vian aliĝkotizon kaj eventualajn aliajn sumojn NUR sur la PĉK (poŝt-ĉek-konto)

n° 000-0477076-30 de BEFA
p/a DE SUTTER Lucien,
Chemin des Pins 4,
B-1180 Bruxelles.

Pagante al alia konto, vi okazigas al LKK perdon de mono kaj de tempo.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: Otto Rösemann, Ringstrasse 14, D-3067 Lindhorst
Redaktoro: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved
Bankkonto: Provinsbanken, Konto 7353-350550, DK-9800 Hjørring
Poŝtĉekkonto: 1 25 80 36, IFEF, Tolne station, DK-9891 Tolne




35A IFEF-KONGRESO

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

04 - 10. JUNIO 1983

OSTENDO (BELGIO)



# TAGORDOJ POR LA KUNSIDOJ DE LA 35A IFEF-KONGRESO OSTENDO

*Kunsido Estraro/Komitato (nepublika)*

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Elekto de ĉefkomitatano
3. Diskuto kongresproponoj
4. Diskuto budĝeto 1984
5. Situacio en diversaj landoj
6. Jubileo IFEF 1984
7. Jubileo 1987
8. Eksteraj rilatoj
9. Eventualaĵoj

- - - - -

*Plenkunsido en 2 partoj (publika)*

1. Malfermo, konstato de mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj, leteroj k s
3. Eventuala diskonigo de gravaĵoj el la nepublika kunsido
4. Raportoj estraraj
   4.1. de sekretario
   4.2. de redaktoro
   4.3. de kasisto
5. Protokolo Balatonfüred
6. Konfirmo de la invito por la 36a Kongreso
7. Raporto de la ĉefkomitatano
8. Resumo pri raportoj landaj asocioj

9. Raportoj de komisionoj resp komisiitoj
   9.1. Terminara Komisiono
   9.2. Fakprelega Komisiono
   9.3. Historio Komisiono
   9.4. Koresponda Servo
   9.5. Informa Fako
   9.6. Komitatano A de UEA
10. Kongresproponoj
11. Laborplano
   11.1. Jubileo IFEF 1984
   11.2. Jubilea Jaro 1987
   11.3. Enketo laborkondiĉoj
12. Resumo pri la situacio en diversaj landoj
13. Budĝeto 1984
14. Elekto de revizoroj
15. Rilatoj al aliaj organizoj
   15.1. UEA
   15.2. FISAIC
   15.3. Radio-amatoroj (FIRAC)
   15.4. Eŭropa Fervojista Asocio (AEC)
16. Venontaj kongresoj
   16.1. Elekto de lando por 1985
   16.2. Diskutado pri postaj ebloj
17. Internacia Skisemajno 1984
18. Libera diskutado

\- - - - - - -

*Kunsido de la Fakprelega Komisiono*

1. Raporto pri la pasinta laborperiodo
2. Kiel plej bone organizi: "Aktualaĵoj el via lando"
3. Fakprelega Komisiono: statutoj
   kaj laboro estontece
4. Kontakto kun kunlaborantoj por
   la 36a kaj 37a pri prelegtemoj ktp
5. A. Elekto de komisiongvidanto
   B. Elekto de komisionsekretario
6. Libera diskuto

Gunnar Thuesen, gvidanto

\- - - - - - -

*Kunsido de "Aktualaĵoj el via lando"*

1. Demandoj/respondoj pri la ĉef-fakprelego
2. Okazigo de "Aktualaĵoj el via lando"
3. Eventualaĵoj

Gunnar Thuesen, gvidanto

- - - - - - - -

*Kunsido de la Terminara Komisiono*

1. Elekto de gvidanto kaj sekretario de TK kaj redaktoro de TeKu
2. Diskuto kaj akcepto de jarraporto
3. Prezento de terminara traduklaboro kaj starigo de E-indekso
4. Plua traktado de dubaj terminoj kaj eventualaj korektoj en protokolfolioj
5. Priparoloj pri daŭrigo de traduklaboro laŭ LG IV

Dieter Hartig/Ludoviko Sekereŝ, gvidanto

- - - - - - - -

*Kunsido de la Historio-Komisiono*

1. Raporto pri la pasinta jaro
2. Diskuto pri la restantaj taskoj (ĉefe redaktado, korektado, forsendado)
3. Financigo, eldonkvanto

- - - - Joachim Giessner, gvidanto

Kompilis ĉefkomitatano
Lucien de Sutter

---

# KONGRESPROPONOJ

Propono n-ro 1

FFEA proponas ke ĉiu landa asocio de IFEF studu la eblecon konkretmaniere instigi la kongresanojn al pli vasta uzado de la lingvo Esperanto dum la IFEF-kongresoj.

Komentario: Ĉiujare oni tro multe "krokodilas" en nia IFEF-

kongreso. Estas nepre necese, ke tiu fakto malaperu. Pro tio ni proponas, ke inter la 35a kongreso en Ostendo kaj la 36a kongreso en 1984 ĉiu landa asocio studu konkretan manieron por instigi ĉeestantojn paroli Esperanton, aŭ alie dirite, por malkuraĝigi la krokodilantojn".
(Oni jam starigis ion en tiu senco dum la 29a kongreso de IFEF en Swanwick en 1977. La kongresinsignoj estis divers-koloraj laŭ la scipova grado de la partoprenintoj).
Post "Ostendo" ĉiuj proponoj estos sendataj al komisiita persono, kiu grupigos ilin. Tiel, dum la sekvanta IFEF-kongreso oni povos elekti la plej taŭgan rimedon proponitan, tio estas, la plej efikan, sen tamen prezenti ian ajn diskriminacian karakteron.

Propono n-ro 2

HEFA proponas: Tuj post la presado de IF, sendi unu ekzempleron per ordinara poŝto al ĉiu landa asocio.

Komentario: Laŭ la nuntempa sistemo, la saketo enhavante la tuton da bultenoj (en nia lando ĉirkaŭ 200) alvenas al niaj manoj 30 aŭ 40 tagojn post la presado. Tre malfrue por informiĝi pri la enhavo de la bulteno. Se estas necese, la landaj asocioj povas pagi la afrankkoston.

Propono n-ro 3

FERN proponas, ke ĉiu landa asocio de IFEF pagu UNUFOJE por ĉiu membro UNU GERMANAN MARKON por kovri la preskostojn de la Historia Libro, eldonota en 1984.

Komentario: La en 1975 starigita "Historio Komisiono" kolektis multe da materialo pri la historio de IFEF de 1909-1984. El la IFEF-kotizo de 17 danaj kronoj estas unu destinita por la preskostoj de la Historia Libro. Kelkaj landaj asocioj donacis sumojn por la sama celo, sed montriĝis, ke la kostoj estos pli altaj ol la enspezoj. Por kovri la deficiton ni povus vendi la libron, sed eble dum longa tempo la kaso de IFEF devus malhavi la sumon de la nevenditaĵoj kaj tio ne estas dezirinda.
Per la akcepto de nia propono ĉiu IFEF-ano SENKOSTE ricevos la libron.

Propono n-ro 4

La IFEF-estraro proponas: Ŝanĝon de la federacia kotizo al po 5,- svisaj frankoj por ĉiu membro, valida ek de la 1a de julio 1983, tiel ke kotizoj por 1983 pagotaj post la de julio estos pagendaj laŭ 5,- svisaj frankoj aŭ egalvaloro en danaj kronoj respektive alia okcidenteŭropa valuto.

Komentario: La ĝeneralaj prezaltiĝoj kaj la malplivalorigo de la dana krono daŭre plimalbonigas la financan staton de la federacio. La periodo de post 1977 montras, ke la svisa valuto estas unu el la plej stabilaj, kaj la evoluo ĝis hodiaŭ montras ke, se ni siatempe estus restintaj ĉe la svisa franko, ni povus eviti la diskutojn pri kotizaltigoj.

Propono n-ro 5

La IFEF-estraro proponas: Kun valideco ek de la 1a de januaro 1984, la Ĝenerala Regularo pri § 26 de la Statuto tekstu jene:

"La titolo de la federacia organo estas "Fervoja Kuriero"."

aŭ

"La titolo de la federacia organo estas "Fervoja Revuo"."

Komentario: Kvankam la nuna nomo de la federacia organo eniris la IFEF-lingvouzon kiel natura kaj facile prononcebla ideogramo, ni sentas la bezonon ŝanĝi.
La enhavo de la oficiala organo respegulas spiron kaj aspirojn de la federacio kaj ĝiaj membroj. Pro la baldaŭ finiĝonta baza traduklaboro de la terminaro komenciĝos periodo de pli fortaj akcentoj en la fervojfaka parto de nia laboro. Ni do opinias, ke kaj la interesaĵoj de la fervojistoj kaj tiuj de la fervojoj trovu lokon en la federacia organo. Per apliko de la vorto "Fervoja" la titolo ankaŭ transprenas parton el la tradicia titolo "Fervoja Esperantisto" de la unua internacia organo de nia federacio en la jaroj antaŭ la unua mondmilito.
La fakto, ke temas pri la internacia organo de IFEF, ne bezonas apartan klarigon, ĉar ĝi estas legebla sub la titolo.

La ĉefkomitatano,
Lucien de Sutter

## RAPORTO DE LA KASISTO POR LA JARO 1982

| ENSPEZOJ: | da kr | ELSPEZOJ: | da kr |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 37505,00 | Internacia Fervojisto | 41056,03 |
| Rentumoj | 962,68 | Estraro | 2305,29 |
| Junulara Fonduso | 380,00 | Administrado | 1920,53 |
| Historio Fonduso | 3377,50 | Reprezentado | 758,05 |
| | | Kotizoj | 614,63 |
| | | Deskribo inventaro | 1034,69 |
| | | Junulara Fonduso | 380,00 |
| | | Historio Fonduso | 5777,50 |
| | 42225,18 | | 53846,72 |
| Plielspezoj | 11621,54 | | |
| | 53846,72 | | 53846,72 |

BILANCO je la 31a de decembro 1982

| AKTIVOJ: | | PASIVOJ: | | |
|---|---|---|---|---|
| Kaso | 202,93 | Kongresa Garantia Fonduso | | 11162,27 |
| Poŝtĝiro | 1931,86 | Junulara Fonduso | | 2245,70 |
| Bankkontoj | 32885,53 | Historio Fonduso | | 12077,50 |
| Inventaro | 4138,80 | Havaĵo 1.1.82 | 25295,19 | |
| | | Havaĵmalpliigo | 11621,54 | |
| | | Havaĵo 31.12.82 | | 13673,65 |
| | 39159,12 | | | 39159,12 |

Tolne, la 31/1 1983 — Århus, la 8/2 1983
La kasisto: H Hauge — La revizoroj: A Klausen, R Mikkelsen, F R Jensen

---

MEMBROSTATO

| lando | 1982 | 1981 | lando | 1982 | 1981 | lando | 1982 | 1981 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aústrio | 201 | 201 | Francio | 230 | 230 | Jugoslavio | 60 | 60 |
| Belgio | 70 | 50 | Germanio | 811 | 819 | Nederlando | 53 | 57 |
| Britio | | 29 | Hispanio | 181 | 180 | Norvegio | 75 | 75 |
| Bulgario | 60 | 45 | Hungario | 201 | 201 | Pollando | 45 | 17 |
| Ĉeĥoslovakio | 60 | 60 | Italio | 133 | 134 | Svedio | 130 | 118 |
| Danio | 65 | 65 | Japanio | 21 | 21 | Svisio | 74 | 74 |
| Finnlando | 19 | 19 | | | | Izolaj | 3 | 3 |

# VENONTAJ ARANĜOJ

*9a Internacia Konferenco de la Neŭtrala Esperanto-Movado*
okazos en Graz (Aŭstrio) 6a-13a de aŭgusto 1983.
Informoj ĉe d-ro Klaus Perko, Lendkai 111, A-8020 Graz.

*68a Universala Kongreso de Esperanto*
okazos en Budapeŝto (Hungario) 30a de julio-6a de aŭgusto 1983.
Konstanta adreso: Universala Kongreso de Esperanto, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam.

*43a Kongreso de Hispana Esperanto-Asocio*
okazos en Zaragoza 21a-25a de julio 1983.
Informoj ĉe Comité Organizador del 43 Congreso Nacional de Esperanto, San Vincente de Paul 1, Zaragoza 1, Hispanio.

*Dana Jarkongreso* okazos en Kopenhago 18a-20a de marto 1983.
DEFA estas kunaranĝanto kaj okazigos sian ĝeneralan kunvenon en ties kadro.
Informoj ĉe Komunkomitato de Kopenhagaj Esperantistoj, Løvetandsvej 31, DK-2700 Brønshøj.

*TANEF-aranĝoj 1983*, Internaciaj Ferio-Semajnoj de Turista Asocio de Naturamikoj, Esperanto-Fako
16a-23a de aprilo en Naturamika Domo "Het Zeehuis", apud Bergen am Zee, Nederlando.
Informoj ĉe Manna Beijne, Vijf-Meilaan 131, NL-2321 RK Leiden,
23a-30a de julio en Maria Alm, Aŭstrio.
Informoj ĉe Max Finkenzeller, Troststr 27/10/2, A-1100 Wien.
4a-11a de septembro en la Kultur- kaj Feriocentro Appenberg, Svisio
Informoj ĉe Erna Döring, poŝtfako 225, CH-4003 Basel.

*Kulturaj aranĝoj 1983 de Esperanto-Domo Grésillon (Francio):*
3a-9a de aprilo: Internacia Renkonto de Infanoj,
2a-22a de julio: Prelegoj kaj Kursoj,
23a-24a de julio: Dua Lojra Esperanto-Rendevuo,
25a de julio-7a de aŭgusto: Kursoj,
8a-21a de aŭgusto: Artmetioj kaj Esperanto,
22a de aŭgusto-3a de septembro: Renkonto de Blinduloj.

Informoj ĉe Esperanto-Domo, Kastelo Grésillon, F-49150 Baugé.

# EL LA LANDAJ ASOCIOJ

*IFEA (Italio)*

ROMO - Varman pledadon por la adopto de Esperanto en Eúropo kiel rimedo por muldi eúropan kulturan identecon aúskultis en roma teatro vasta publiko la 8an de novembro 1982 okaze de kunveno de fervojistoj kaj instruistoj.

La kunvenon starigis Dopolavoro Ferroviario di Roma (Roma Fervojista Organizaĵo pri Postlabora Libertempo).

Oni anoncis, interalie, ke AEC (Association Eúropéenne de Cheminots = Eúropa Asocio de Fervojistoj) decidis aldoni Esperanton al la listo de siaj oficialaj lingvoj.

Ĉiuj esperantistoj konscias pri la mirakloj, kiujn povus fari Esperanto por krei novan "eúropan civitanon". Sed neniam oni ĉesos miri pri la entuziasmo kun kiu la eúropaj fervojistoj svingas la torĉon por tiu batalo.

Krome, por esperantista orelo la novaĵo ne estis, kompreneble, tio kion d-ro Alberto Menabene diris nome de IFEA, unu helpa, neútrala planlingvo por Eúropo, facila, esprimpova, ktp. La novaĵo estis, ke la publiko reagis tre vigle, superŝutis la oratorojn per demandoj, kaj poste petis, ke oni faru pluajn kunvenojn ...

"La temperaturo de la reago nin surprizis", diris la aranĝintoj de la renkontiĝo, respondeculoj de AEDE (Association Européenne des Enseignants = Eúropa Asocio de Instruistoj), AEC, kaj Itala Parlamenta Grupo "Amikoj de Esperanto".

Kompreneble la sukceso fontis ankaú el la fakto, ke la ideo de "Esperanto por Eúropo" prezentiĝis al la publiko kune kun instigo al mobilizo de la instruistoj tra la kontinento, survoje al "fandado de eúropa popolo". Tiun temon pritraktis profesoro Angelo Pompeo de AEDE.

Oni legis ankaú saluton al la kunveno, fare de eúropa parlamentano Mario Zagari. La itala deputito substrekis, ke ĉiu agado celanta eúropan kulturan identecon rapidigas la naskiĝon de federala Eúropo.

fp

*Italio*

Zamenhof-festo en Bologna.

Marde vespere la 14an de decembro la Bologna esperantistaro festis la 123an datrevenon de la naskiĝo de d-ro L L Za-

menhof (kiu naskiĝis en Bialystok la 15an de decembro 1859a) kaj samtempe la 34an datrevenon de la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj fare de Unuiĝintaj Nacioj en San Francisko la 10an de decembro 1948. La manifestacio okazis en la sidejo de "Dopolavoro Ferrovario", kie IFEA organizas siajn Esperanto-kursojn.

Ĉeestis pli ol cent gesamideanoj, inter kiuj kelkaj el la najbaraj urboj kaj, kune kun la ĵusaj italaj edzoj, ankaŭ du polaj samideaninoj, kiuj salutis nin kaj bondeziris por la venontaj festoj.

Universitata studento Norberto Saletti, estrarano de TEJO (Tutmonda Esperanta Junulara Organizo) prelegis pri Zamenhof, memorigante inter alie, la centjaran datrevenon de la prezentado de la unua gramatiko de Esperanto, fare de la 18jara licea studento Zamenhof. Poste li prezentis diapozitivojn pri la diversaj junularaj Esperanto-aranĝoj al kiuj li rekte partoprenis dum la jaro 1982a. Li finis montrante serion da diapozitivoj kun Esperanta komentario pri Budapeŝto, perlo de la Danubo, ĉefurbo de Hungario, kiu estas la celo de multnombra partopreno de la Bologna karavano okaze de la nunjara vintra feriado, kaj venontjara de la 68a Universala Kongreso de Esperanto.

Laste ĉiuj gustumadis la abundajn buterpanojn, salitaĵojn kaj dolcaĵojn pretigitajn de la esperantistinoj kaj trinkis diversspecajn bongustajn vinojn.

Oni forlasis la salonon bondezirante unu la alian "Bonan Kristnaskon kaj feliĉan Novjaron".

GG

# FERVOJOJ DE LA MONDO

*Pakistano*

La plej grava montpasejo inter Pakistano kaj Afganio nomiĝas Khyber aŭ Kaibar. Ĝi situas 1023 m super la marnivelo kaj estas 52 km longa valo, formita de la Kabul-rivero. Al tiu pasejo kondukas fervojlinio en Pakistano tra regiono senhoma kaj kruda, sed ĝi finiĝas 4 km de la limo. Do ĝis nun ne ekzistas fervoja ligo inter la du landoj.

(El la dana "Vor Stand")

*Ĉinio*

Ekfunkciis la unua elektrizita dutraka fervojo de Ĉinio.

La fervojo, komencita de Shijiazhuang, la ĉefurbo de Hebei-provinco, en oriento kaj finita en Taiyuan, la ĉefurbo de Shanxi-provinco, en okcidento havas longeçon de 235 kilometroj. Ĝia jara transporta kapablo estas 40 milionoj da tunoj. Ĝi estas ĉefa vojo por transporti karbon el Shanxi, la plej granda karbobazo de Ĉinio.

(El "El Popola Ĉinio")

*Ekvadoro*

Kiam en 1908 oni finis la konstruadon de fervojo inter la marurbo Guayaquil kaj la ĉefurbo Quito (Kito), tio signifis ke la vojaĝo daúras nur 1 tagon anstataú la ĝistiam 2 semajnojn.

Samtempe tio estis granda inĝeniera triumfo, ĉar per unikaj solvoj oni ebligis al trajno ascendi de 100 m super la marnivelo al 3238 m en distanco de 90 km.

Ankoraú nun oni uzas vaporlokomotivojn, kaj la veturo okazas en kruta pejzaĝo - oni ekzemple preterpasas la "Nazon de la Diablo", rokon orte elstarantan - kelkfoje kun zigzaga irado, antaúen - malantaúen laú paralelaj trakoj sur rokaj bretoj, por venki la altecdiferencon.

(El "Sj Nytt")

## ĈU VI SCIAS, KE ...

- la plej rapida trajno en Eúropo trafikas sur linio Parizo-Liono. Tiu ĉi fierindaĵo de la francaj fervojoj kun maksimuma rapideco 380 km/h estos iom post iom enkondukata al ĉiuj pli gravaj fervojlinioj enlandaj. Oni supozas, ke la novaj rapidtrajnoj anstataúos grandparte aútomobilojn kaj aviadilojn kaj per tio oni povus ŝpari proksimume 100.000 tunojn da nafto jare,

- aserto, ke pli konvene estas sidi en direkto de la veturo, estas konsekvenco de optika iluzio. Se vi sidas tiamaniere, la okuloj donas al vi la iluzion, ke la ejo de la veturilo plivastiĝas, kaj ke vi havas pli multan spacon kaj komforton,

- lokomotivestroj povas bone vidi dum taglumo kaj tamen dum krepusko ili povas esti duonblindaj. La noktan blindecon kaúzas plej ofte netaúga nutraĵo. Do, se vi malbone vidas dum nokta veturo, nepre vizitu la okulkuraciston por enketi pri via nutrado,

- la plej altnivela fervojlinio en la mondo trafikas en Peruo inter Lima kaj Oroya. Ĝi komenciĝas preskaŭ ĉe la marnivelo kaj finiĝas en alteco 4774 metrojn super la marnivelo. Por komparo: Mont Blanc estas 4809 metrojn alta,

- en Afriko estas sume 72000 km da fervojlinioj, do nur kvin procentoj de la monda fervojreto. La plej densa fervojreto - 18.800 kilometrojn - estas en Sud-Afriko. La plej maldensa estas en Maroko kaj Somalio,

- dudek kilometrojn longa estos fervojponto trans markolo Øresund, kunigonta danan Kopenhagon kun sveda Malmö. La financadon de la projekto partoprenos ambaŭ ŝtatoj. Oni planas, ke la sumaj elspezoj por la konstruado atingos 900 milionojn da dolaroj,

- lokomotivestro en lokomotivo de la plej nova aerodinamika formo taksas kiel plej bona progresaĵo la nerompeblan vitrofenestron. Efektive ĝi ne estas nedisrompebla, ĉar dum karambolo ĝi ankaŭ disrompiĝas, sed disrompiĝante ĝi nur ne dissplitiĝas. Se ni revenas 1900 jarojn reen en la historio, ni trovas, ke tiutempe oni konis absolute nedisrompeblan vitron. Nuntempe ni ne konas laborprocedon por fabriki ĝin, ĉar la sekreto de la laborprocedo perdiĝis,

- 5.500 km longa fervojreto de la svisaj fervojoj aŭ trapuŝas sin inter montoj aŭ grimpas sur montajn kaj rokajn deklivojn de grandmontaroj. La svisaj dentradrelaj fervojoj superas eĉ 48-procentan ascendon. La plej kruta dentradrelvojo en la mondo trafikas apud Luzern sur monton Pilatus.

-JT-

## KROKIZOJ EL SJ-NYTT (novaĝilo de la Svedaj Fervojoj)

Fervoja tunelo sub la Ĝibraltara Markolo estas esplorata. Ebleco estas linio de Paloma, 33 km okcidente de la Ĝibraltara roko, ĝis Malabata, 5 km oriente de Tanĝero, entute 39 km longa.

La tunelo tra monto Sta Gothardo estas 100jara. Maje 1882 trapasis la unua trajno kaj nun ĉiujare veturas per trajno ĉ 7 milionoj da pasaĝeroj.

Inter Salzburg kaj Innsbruck - du aŭstriaj urboj - eblas nun trajnveturi tra FRGermanio pro nova koneksa trako ĉe Rosenheim. Uzante tiun itineron anstataŭ tiun tra Aŭstrio, ÖBB ŝparas ĝis 1½ horojn.

Septembre 1982 *SJ-Nytt* recenzas la 34an IFEF-kongreson. Stig H Carlsson raportis.

Poŝta TGV (trajno de granda

rapideco) estas en preparo inter Parizo kaj Liono (Francio). La trajno konsistos el 10 vagonoj kapablaj transporti 75 tunojn da poŝtaĵoj en 250 ujoj. La trajno anstataŭigos la nunan aviadilan transporton. Antaŭvidita starto en 1984.

RENFE, la hispanaj fervojoj, planas modernigon kaj plivigligon dum la venonta jardeko de sia eluzita kaj nebone ekipita reto. La celo estas, ke en 1991 oni atingu merkatparton de 12% rilate pasaĝertransporton kaj de 25% rilate vartransporton. Pli rapidaj trajnoj, pli densa trafiko sur la interurbaj kaj pendolaj linioj estas eroj de la nova trafikkoncepto.

# NEKROLOGOJ

Forlasis nin por ĉiam la 22an de Decembro 1982 nia franca amiko André Blondeaux en aĝo de 69 jaroj. Li fariĝis senkulpa viktimo de tragika strattrafika akcidento. En la jaroj 1949/50 li esperantiĝis. En la postaj jaroj li preskaŭ sola tradukis la teknikan leksikonon de la Francaj Ŝtataj Fervojoj en Esperanton kaj prezentis la rezulton en la IFEF-Kongreso Zürich 1955. Li tiam fariĝis daŭra eminenta kunlaboranto en la Terminara Komisiono de IFEF. Lia kunagado esence kontribuis al la progresoj sur tiu tereno. Krome Blondeaux verkis kaj tradukis multajn teknikajn artikolojn, i a la fakprelegon pri la grandaj rapidecoj en la IFEF-Kongreso Avignon 1969. Li eĉ trovis tempon kunlabori en la statutkomisiono de IFEF.

Kiel ĉiu, kiu aktive laboras, li devis sperti seniluziiĝojn. Lia dinamisma karaktero tamen venkis ĉion. Kaj subtenis lin lia komprenema kaj helpema edzino Lucienne. Al li apartenas grandaj meritoj en la fina, sukcesplena eldono de la Esperantoindekso de la seslingva UIC-leksikono.

Pro siaj meritoj sur la kampo de la Internacia Lingvo li ricevis flanke de la franca ŝtato la ordenon "Kavaliro de Akademiaj Palmoj". Laŭ propono de IFEF la FISAIC honoris lin en la IFEF-Kongreso Maribor 1971 per arĝenta medalo.

Kun André Blondeaux IFEF perdis elstaran personecon, unu el siaj plej laboremaj, impulsaj, ideoriĉaj aktivuloj. Ni pez-

kore kondolencas al lia vidvino, longjara IFEF-membro. Ŝi povas esti certa, ke liaj multlandaj amikoj kaj konatoj ne forgesos lin, same kiel ŝi povas esti certa, ke ni ofte ŝatus revidi ŝin.

IFEF-prezidanto

Dum mallonga tempo SAEF perdis 3 membrojn, kiujn ni gardos en bona memoro.

Sinjorino Jeann Schmutz, Allschwil, mortis la 1an de aŭgusto 1982. Ŝi estis bone konata kiel fidela akompanantino de sia edzo al niaj kongresoj. Siatempe ŝi bone agadis por Esperanto Societo Basel.

Sinjoro Walter Sonderegger, Zürich, mortis la 20an de novembro 1982. Dum jaroj li estis fidela sekretario de SAEF kaj same fidele li partoprenis IFEF-kongresojn. Ĝis kiam akcidento en la montaro antaŭ 5 jaroj malebligis ĉian agadon al la mondvaganto.

Sinjoro Rinaldo Albus, Luzern, mortis dum novembro 1982. Li estis favora aganto en Esperanto grupo Luzern kaj siatempe ankaŭ aktivis en la fervojista movado.

IFEF

## KVAZAŬRECENZOJ

*"Neĝa Infano"*, kompilita kaj pentrita de Liu Si. El Popola Ĉinio 1981. Kolora bildlibreto por infanoj kun 36 bildoj. Formato 18,2 x 20,8 cm.
Dm 2,40, FF 5,50, FMK 4,90.

Ĉarma kaj dolĉa rakonto pri fantazieca helpo kaj helpemo inter animaloj. Tute forestas malbono. Ĉeestas nepripensemo, heroeca helpo, granda dankemo.

Malmulte da teksto. La libreto taŭgas por voĉlegado al etuloj. Almenaŭ el tiu vidpunkto valora eldonaĵo.

o.

*"La Islamismo"* de Agostinho da Silva. El la portugala tradukis Manuel de Freitas. Portugala Eldona Rondo, 1982, 22 paĝoj. Kajero en formato A 5 de serio "Enkonduko en la kulturon".

La kajero pritraktas Mahometon kaj lian vivon - kiel li gajnis adeptojn, kiel li batalis kontraŭ la regantoj, kaj enhavas priskribon de la karaktero kaj vivkutimoj de la profeto. Oni trovas ankaŭ kelkajn interesajn konsiderojn pri islamismo kontraŭ kristanismo.

LEN

JEN LA BRILA REZULTO DE LA
BELETRA KONKURSO EN LA 33A IFEF-KONGRESO




Seriozaĵoj kaj amuzaĵoj pri la fervojo, prozaj kaj poeziaj, vera trezoro por ĉiu fervojisto kaj eĉ por nefervojistoj. Taŭgas ne nur por la propra legado, sed same bone kiel donaco. Ankoraŭ havebla. Mendu ĉe:

Elfriede Kruse, Wiener Strasse, 121, D-6000 Frankfurt/M 70.

Prezo 15 germ.markojn inkluzive sendkostojn.

Pagu al Sparda-Bank, 6000 Frankfurt/M, poŝtĉekkonto Frankfurt/Main 56908, kun aldono "favore al Elfriede Kruse, Konto 129 957".

Vidu ankaŭ la recenzon en IF 4/82 p.68!

---

ENHAVO



---

La redaktofino por la venonta IF estas 15.3.83.

---

Preso: Esperanto-Press Augsburg, Seitzstr. 14, D-8900 Augsburg
tel. 0821/41 92 13 + 48 81 49